JARO XIV, Sofia—Bulgario
aprilo—junio 1970, № 2

# INTERNACIA JURNALISTO



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# VIENO — KONGRESURBO 1970



La Placo de Herooj, la Parlamento kaj la Urbodomo

# KUNVENO DE REPREZENTANTOJ DE FA, ĈD KAJ D DUM LA U. K. EN VIENO

**Al la kunlaborantaj kaj aliĝintaj fakaj asocioj, kopie al komitatanoj kaj observantoj de UEA**

Estimataj Kunlaborantoj,

Laŭ la decido de la Estraro, dum la U. K. en Vieno okazos aparta kunveno de la reprezentantoj de la fakaj asocioj, de ĉefdelegitoj, delegitoj kaj fakdelegitoj. La precizaj dato, horo kaj salono de la kunveno troviĝas en la Kongresa Libro, kiun ĉiuj ricevos ĝustatempe. En la Kongresa Libro troviĝos ankaŭ resumo de la Enkonduka Raporto pri la „Rolo de la Fakaj Asocioj kaj Fakdelegitoj", verkita de la subskribinto, kaj Raporto de d-ro V. Sadler pri la delegita servo.

Mi afable petas ĉiujn aliĝintajn kaj kunlaborantajn fakajn asociojn delegi kompetentajn reprezentantojn al tiu ĉi kunveno. Plej bone estus, se la *prezidantoj, sekretarioj* aŭ aliaj gravaj funkciuloj de la FA povus reprezenti siajn resp. organizaĵojn.

La tagordo de la kunveno estas:

1. Rolo de la fakaj asocioj kaj fakdelegitoj (Prof. d-ro I. Lapenna).
2. La funkcio de delegito de UEA (D-ro V. Sadler).
3. Ĝenerala diskuto pri la raportoj.
4. Konkludoj.

Estas evidente, ke ĉiu FA havas siajn specifajn problemojn kaj ĉiu FD povas esti kompetenta nur en sia fako aŭ specialeco, sed ekzistas ankaŭ demandoj, kiuj rilatas al ĉiuj. Unu el la celoj de la kunveno estas pritrakti ĝuste la ĝeneralajn aspektojn de agado en fakaj medioj. La Dua Baza Laborplano de UEA enhavas partojn, kiuj koncernas la fakajn organizaĵojn. La p-to 14 entenas kelkajn bazajn taskojn por la interna laboro, dum la p-to 27 rilatas al eksteraj taskoj de niaj FA. La Laborplano troviĝas en la broŝuro Statuto kaj Reguloj de UEA, 1968, pp. 47—57. Mi afable petas ĉiujn FA trastudi la koncernajn punktojn. La diskuto devas evidentigi, kion la fakaj organizaĵoj jam *atingis, kiajn malfacilaĵojn ili renkontas* en la realigado de siaj taskoj, kiajn planojn ili havas por la baldaŭa estonteco kaj kiajn aliajn sugestojn ili havas por efika agado en fakaj medioj.

La diskuto devus ankaŭ montri, kio estas farebla por ampleksigi kaj pliefikigi la delegiton, inkluzive la reton de fakdelegitoj.

La konkludoj entenos la ĉefajn sugestojn por plua agado de la FA kaj por vastigo kaj plibonigo de la delegita reto.

La nombro de reprezentantoj de FA ne estas limigita, sed oni atentos, ke ĉiu FA, kiu estos reprezentita, povu esprimi sian opinion.

*Konsiderante* la *gravecon* de tiu ĉi kunveno por interna fortikigo de la FA kaj por disvastigo de la lingvo en fakaj medioj, mi esperas, ke ĉiuj FA trovos la eblecon reprezentiĝi.

Kun estimo kaj koraj salutoj,

sincere via
**Ivo Lapena**

## JARKUNVENO DE T.E.Ĵ.A. OKAZOS EN VIENO ĈI JARE

*Post tri preterpasitaj jaroj, la estraro de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kunvokas jarkunvenon de nia Asocio. La kunveno okazos en Vieno dum la laboro de 55-a Universala Kongreso de Esperanto. Ĉiuj kolegoj estas petataj partopreni la jarkunvenon! Serĉu la afiŝanoncojn pri la dato, loko kaj horo!*

# AMIKECO TRANS LIMOJ

## (Belarta ekspozicio de s-ino Katja Maneva)

Sub tiu ĉi moto, je la 20-a de februaro ĉ.' j., nia samideanino kaj pentristino Katja Maneva prezentis sian III-an memstaran ekspozicion, kiu koincidas kun la „Semajno de la Internacia Amikeco".

La ekspozicio estas aranĝita sub la aŭspicio kaj kunhelpo de Bulgara Esperantista Asocio. Ĉe la inaŭguro paroladon faris la membro de la Centra Komitato de B. E. A. kaj ĉefredaktoro de „Bulgara Esperantisto", k-do Kunĉo Vâlev. Li substrekis la laŭdindan iniciaton de s-ino Maneva konigi al ni per siaj pentraĵoj la vidindaĵojn de *la landoj, kiujn ŝi vizitis konekse kun* sia partopreno en internaciaj Esperanto-kongresoj. Li emfazis la grandan signifon kaj la rolon de la internacia lingvo Esperanto, kiu kreas geamikojn en fremdlando kaj tiamaniere kontribuas ankaŭ por la stabiligo de la paco inter la popoloj.

La pentristino Katja Maneva ekspoziciis 40 bildojn el 11 landoj, kiujn ŝi vizitis. Kion oni povus diri pri ili? La vortoj „tre belaj", „tre ĉarmaj" tute ne sufiĉas. Oni devas vidi persone la ekspozicion kaj travivi la gran-



**La pentristino**



**La malnova Stokholmo Svedio**

dan ĝuon, samtempe konstatante la atingaĵojn de la pentristino en la sfero de la pentroarto. Ĉar ĉiu ŝia pentraĵo posedas sian specifan belecon kaj individuecon.

La bildoj havas karakteron de vojaĝnotoj. Ili estas pentritaj rapide, ekspresionisme kaj plenas je forta sento kaj temperamento. Pere de ili oni sin sentas kvazaŭ fluganta tra diversaj nekonataj landoj, oni ekkonas ilin kaj vivas kun ilia etoso, oni admiras la ekzotikon de la Malproksima Oriento kaj travivas la romantikon de la antikva Okcidento, la varmegan brilon de la suda suno, la agrablan silenton kaj trankvilon de la kristale pura aero de la malvarma Nordo (la skandinaviaj landoj). Ekspoziciitaj estas ankaŭ bildoj el Japanio, Italio, Francio, Hispanio, Belgio, Nederlando, Danlando, Svedio, Finnlando, Sovetunio, Hungario. Ili prezentas siluetojn kaj panoramojn de urboj, malnovajn, arkitekturajn ensemblojn, urbajn placojn, pagodojn, preĝejojn, katedralojn, bazarplacojn k. a. Oni sentas la puran vibrantan aeron (en la „Franca Riviero"), la agrablajn rebrilojn de la suno („Parizo — Montmartre"), la varmegan tagon ("Avila-Hispanio", „Toledo — Alkazaro"). La malluma malserena ĉielo estas sentebla en „Rotterdam — la kajo", la glacie malvarma atmosfero — en „Kopenhago — kanalo", ktp.

Nevole mi turnas pli grandan atenton al la bildo „Parizo — Montmartre", tre majstre kaj artisme plenumita kun granda amo kaj inspiro. La bildo impresas per sia heleco kaj kolorriĉeco. En la tre viveca bildo „La Franca Riviero" oni sentas la freŝan alblovеton de la „Riviero". Alia bildo altiras la rigardon — ekzotika templo en Japanio. Mi fermas la okulojn kaj image translokiĝas en tiun mirindan landon de la leviĝanta suno, kie antaŭ kelkaj jaroj okazis la Internacia Esperanto-Kongreso, kiam la lokaj esperantistoj afable akceptis kaj loĝigis siajn gastojn el fremdlando. Kaj kion diri pri la „Ponto de la Sopiroj" en Venecio — urbo, kiun ĉiu homo revas vidi?

Rakonti ĉion pri la ekspozicio estas neeble.

Mi adresas min al s-ino Maneva, petante pri iuj klarigoj. Ŝi volonte kaj tre afable rakontis al mi, ke en ĉiuj landoj ŝi estis bonvenigata tre ĝentile de la lokaj esperantistoj kaj oni manifestis al ŝi grandan atenton, donante al ŝi plenan kunhelpon en ŝia nobla tasko — pentri kaj prezenti al ni per siaj pentraĵoj la rimarkindaĵojn de tiuj landoj. Ĉiuloke la parolata lingvo estis Esperanto. Ŝi diris, ke la geesperantistoj de Moskva ne permesis al niaj bulgaraj delegitoj iri en hotelojn kaj loĝigis ilin en siaj domoj. En Japanio same tiel atendis min miaj geamikoj, kie mi pasigis 20 mirindajn kaj tre agrablajn tagojn.

Ni, la bulgaraj geesperantistoj, en ĉiuj okazoj rakontis detale al niaj geamikoj en eksterlando pri nia pitoreska patrolando, pri la mirinde ĉarma „Valo de la Rozoj", pri nia bonega, laborema kaj gastama popolo, kiu batalas por paco inter la popoloj. Kaj en ĉiuj vizititaj landoj ni akiris per Esperanto novajn amikojn por Bulgario, kiuj ekdeziris gasti al ni, por substreki ankoraŭfoje la penson, ke per Esperanto oni povas krei plej bone „Amikecon trans limoj".

Okaze de tiu ĉi belega ekspozicio ni tutkore gratulas nian samideaninon, la pentristinon Katja Maneva, dezirante al ŝi bonan sanon por ke ŝi ankoraŭ multfoje ĝojigu nin per siaj ĉarmaj bildoj.

**Iv. Draganov**



**Urbo Poitie, Francio**

# VIENO — HISTORIA, BELEGA URBO, REĜINO DE DANUBO

Du okazoj en la varia historio de Vieno decide formis la aspekton de la urbo. Post la definitiva defendo kontraŭ la turkoj (vanaj sieĝoj en 1529 kaj 1683) kaj la venkaj militiroj de princo Eŭgeno, Vieno fariĝis la centro de graudega regno kaj floris sub la vastregiona potenco de la dinastio Habsburg. La famaj konstruestroj Fischer von Erlach kaj Johann Lukas von Hildebrandt en malmultaj jardekoj nove *formis la urbon, donante al ĝi barokan karakteron.* La gravecon de Vieno en la 18a kaj 19a jarcentoj signas la nomojn de la eminentaj komponistoj Gluck, Haydn, Mozart, Beethoven, Schubert, Bruckner, Brahms kaj la dinastio Strauss, kiuj tie ĉi kreis siajn senmortajn verkojn. Multaj ame gardataj loĝejoj, monumentoj kaj tombejoj konservas la memoron.

Dua grava ŝanĝo de la urbaspekto estis la falo de la fortikaĵomuroj ĉirkaŭ la mezo de la 19a jarcento. Dum la longa regotempo de Francisko Jozefo (1848—1916) oni konstruadis kaj finis Ringstraton la kun monumentaj konstruaĵoj. Depost 1918 Vieno estas la ĉefurbo de respubliko Aŭstrujo.

La urbo kaj bela situo sur la deklivoj de la Viena Arbaro kaj ĉe la bordoj de Danubo estas plej bone superrigardeblaj de la monto Kahlenberg (kun altŝoseo), de la Danubturo (252 m. kun rotacianta kafejo-restoracio) kaj de la gotika turo (137 m) de la katedralo de Sankta Stefano en la centro de la urbo.

Proksimume 200 interesaj konstruaĵoj de Vieno estas klarigitaj sur tabuloj.

Urbo en si estas Hofburg (imperiestra kastelo), je kiu preskaŭ ĉiuj regnestroj konstruadis. Ĝi entenas kelkajn grandiozajn vidindaĵojn: la belegan salonegon de la Nacia Biblioteko, la imperiestrajn loĝejojn, la kolektaĵojn de la iamaj manĝilar- kaj arĝentaĵĉambretoj, la ĉevalejojn kaj la vintran rajdejon de la fama „Hispana Rajdlernejo", la Burgkapelon (en kiu la Vienaj kantistoknaboj kantas), la unikajn laikajn kaj klerikajn trezorejojn kun la regnotrezoro de la „Sankta Roma Imperio" kaj fine la internacian Esperanto-Muzeon. Al Hofburg apartenas ankaŭ la Redoutensäle (salonoj de iamaj maskobaloj, nun prezentejoj de la ŝtata operejo), la plej granda en la mondo grafika kolektaĵo Albertina, la kolektaĵoj kaj muzeoj en la Nova (parto de) Hofburg kaj la Aŭgustana preĝejo kun korurnoj de mortintaj Habsburganoj. La imperiestra kripto en la proksima Kapucena preĝejo estas la tembroj de la dinastio Habsburg.

Inter la plej vizitindaj konstruaĵoj troviĝas la kastelo Schönbrunn (=bela puto) kun belegaj ejoj, grandega ĝardeno, veturilejo, la plej malnova bestoĝardeno de Eŭropo kaj ĉarma „kastelteatro". Unu el la plej belaj konstruaĵoj de Vieno estas Belvedere, konstruita de Lukas von Hildebrandt por la princo Eŭgeno (1723). Ĝi enhavas barokmuzeon kaj artgalerion. Impona nombro da nobel-palacoj, monumentoj kaj fontanoj, ankaŭ multaj barokaj burĝodomoj ankoraŭ nun atestas la pompan brilon de la imperio en la 18a jarcento. Inter la ĉirkoŭ 100 muzeoj estas menciindaj la arthistoria kaj naturhistoria muzeoj kaj tiu por „aplikita arto", ĉiuj sur Ringstrato, kaj la historia muzeo de la urbo Vieno antaŭ la Karlopreĝejo.

En la kultura vivo de Vieno ĉiam plej gravis la muziko. Jam en 1498 estis fondita la Viena Hofmusikkapelle (kortega muzikistaro), en 1842 la Vienaj Filharmoniistoj, iom poste la Simfoniistoj, la koncertsalonegoj, la ŝtata kaj la „popola" operejoj kaj multaj aliaj teatroj. La Burgteatro estas la plej grava teatro sur germana teritorio.

Al la Viena muziko apartenas la populara Viena kanto kaj la vintrinkejoj en la antaŭurboj. Bonfamaj estas ankaŭ la Vienaj kafejoj kaj la Viena kuirarto, la naturĝardeno kaj amuzejo Prater kun la Gigantrado, a multaj parkoj kaj la bela ĉirkaŭaĵo ktp.

I

## FLUGILHAVAJ VORTOJ

**„Nenio estas nova sub la luno".**

**N i k o l a j K a r a m z i n**

*

**„Papero ne iĝas ruĝa pro honto. Papero ĉion eltenas"[1]**

**C i c e r o n o**

*

**„Vortoj kaj iluzioj pereas, faktoj restas".**

**D m i t r i j P i s a r e v**

**„Mi estas pli saĝa ol la aliaj ĉar mi scias mur tion ke mi nenion scias, kaj la aliaj eĉ tion ne scias"**

**S o k r a t o**

*

**„Ni bruas, frato, bruas".**

**A l e k s a n d r o G r i b o j e d o v**

*

**„Ĉiuj ĝenroj estas bonaj, krom la enua".**

**F r a n s u a V o l t e r**

*

**„Voĉo de vekrianta en dezerto".**

**B i b l i o**

*

**„Mia glaso ne estas granda, sed mi trinkas el mia glaso".**

**A l f r e d d e M j u s s é[2]**

*

**"Ekbrulos el fajrero flamo".**

**A l e k s a n d r o O b o j e v s k i**

*

**„Kiu semis venton, tiu rikoltos tempeston".**

**B i b l i o**

*

**„Mi pensas, do, mi ekzistas".**

**R e n e D e k a r t**

*

**„Ho, kiel belaj, freŝaj estis la rozoj".[3]**

**A l e k s a n d r o L o g v i n**

**Kompilis kaj tradukis:**

**I v a n M j a t l e v**

[1] Tiel diris Cicerono, opiniante, ke skribe oni povas esprimi tiajn pensojn, kiujn eldiri parole estas ĝene.

[2] Oni riproĉis al Alfred de Mjussé, ke li imitis Bjronon. Kaj tiam li kontraŭdiris per tiu frazo, aludante, ke kvankam lia arto ne estas grava, tamen originala.

[3] Ĉi tiun frazon, post Iv. Turgenev, oni uzas, por rememori sun tristo pri io ĝoja, bela, sed delonge pasinta.

# KVAR FABELOJ DE IVAN KRILOV

## AZENO KAJ NAJTINGALO

Azen' ekvidis Najtingalon
Kaj diris: „Vi atentu min, amik'!
Oni parolas, ke vi kantas kun efik'
Kaj havas vi ne voĉon, sed kristalon.
Mi volus mem aŭskulti, juĝi tion,
Ĉu majstre vi posedas kantmetion?"
Demonstris sian belan arton Najtingal':
Ĉi klakis, fajfis, trilis,
Per mil variaj tonoj ĝi modulis, tiris,
Kaj post nelonga interval',
Tenere kiel ŝalmo, sonorbrilis,
Kaj per vibranta trem' arbaron miris.
Aŭskultis ĉio kun atent'
La kanton de l'amato de Aŭroro:
Zefiroj ĉesis kaj birdara ĥoro,
Kaj kuŝis grego en silent'.
Kvietspirante, la paŝtisto tre admiris
Kaj tamen por moment'
Al amikin' ridetis, dum la birdo trilis.
Sed finis la kantisto. Nun Azeno diris:
„Sufiĉe bone, vin necese laŭdi,
Kaj sen enuo oni povas aŭdi. . .
Sed, ve, bedaŭras mi —
Ne konas nian Kokon vi;
Pli multe vi progresus en kantado,
Se iom vi imitus al la kokblekado".
Aŭdinte tian juĝon, povra Najtingal'
Forflugis trans la naŭdektria val'.
Defendu, dio, nin de tia misjuĝado!

*

## PORKO SUB KVERKO

Sub la centjara Kverko Porko jen
Per glanoj sin regalis jam ĝissate;
Kaj bone dormis sen omen';
Poste vekiĝis, gruntis ĝi malsate
Kaj per muzelo fosis kverkradikojn glate.
„Pro arbo estas tio malutil', —
Al Porko diris Korvo kun konsil', —
Radiko nuda ja sekiĝos dum la feno".
„Ne gravas — diras Porko — ĉar
Neniom fuŝos min ĉagreno,
Se eĉ pereos plene la arbar'.
Nenion de la Kverko gajnos ni dum ĉaso,
Nur glanoj estu, jen de kie mia graso".
La Kverko diris tuj: „Sendanka estas vi!
Se povus levi supren vi nazpinton,
Vi tiam estus ekvidinta,
Ke tiuj glanoj kreskas ja sur mi".

*

Al profanulo samsimila
Scienco evoluas senutile
Insultas studon li de ajna tem',
Kvankam iliajn fruktojn manĝas mem.

## MUSO KAJ RATO

„Ĉu aŭdis, najbarin', vi pri bonega fam'? —
Al Rato diris Muso haste —
Leono, oni diras, kaptis Katon jam!
Jen por ripozo, venis kampo vasta!"
„Ne ĝoju, mia karulin', —
Respondis Rato — gardu nin
De tiuj bestoj la destino!
Ĉar se eksplodos interbat' —
Por la Leono venos fino:
Ne estas best' pli forta ol la Kat'!"

*

Mi vidis jam, vi mem rimarku tamen:
Se iu timas iun ajn,
Li pensas en erara ŝajn'
Ke tuta mondo timas tiun same.

*

## SIMIO KAJ OKULVITROJ

Simio en maljuno perdis vidkapablon;
Tamen ĝi aŭdis inter homoj kun plezur',
Ke plago estu for, — kaj tio plej probabla, —
Se trovi okulvitrojn nur.
Simio seson de la vitroj trovis;
Kaj turnis ilin ĉirkaŭ si:
Jen ĝi al verto premis, jen ĉe nazo movis,
Jen metis al la vosto, fine leki provis. . .
Ne helpis okulvitroj, ve, al ĝi.
„Fju!" — diris la simio, — stulta tiu estas,
Kiu al homoj fidon manifestas:
Ja ĉio pri la vitroj oni trompis;
En ili mankas kiu ajn rezon'".
Kaj la simio pro domaĝa embaraso
La vitrojn tiel ĵetis kontraŭ ŝton',
Ke nur brulecoj restis post frakaso.

*

La sama, bedaŭrinde, estas inter homoj:
Ne komprenante, kion grava estas cel',
Utilan aĵon sensciulo pridiskutas;
Se profanulo estas iu ajn nobel' —
Li sendiskute persekutas.

El la rusa: Aleksandro Logvin

*

**Karaj gekolegoj! Ĉu vi pagis vian membrokotizon aŭ vian abonkotizon por „Internacia Ĵurnalisto"? Se ne ankoraŭ, bonvolu fari tuj tion rekte al la adreso de nia organo, aŭ al vialandaj reprezentantoj de TEĴA!**

**La abon-kaj membrokotizo entute estas 1.20 uson aj dolaroj.**

## Pola humoro

— Antaŭ unu jaro la kuracisto diris al mi, ke se mi ne ĉesos drinki, mi estiĝos idioto.

— Vi devis obei al la kuracisto.

*

— Vi intencas disiĝi kun via edzino nur pro tio, ke ŝi fumas?

Sed, estimataj juĝistoj, jen kiel staras la afero: ŝi profitas mian orelon anstataŭ cindrujon.

## Itala humoro

— Miajn sincerajn kondolencojn — diras sinjorino Bianka al la vidvino, kies edzo dronis en la maro kaj mortis. Ĉu li lasis al vi ion valoran?

— Jes, domon por dek milionoj da liroj.

— Kia edzo! — kun admiro ekparolas s-ino Bianka. — Kaj li scipovis nek legi, nek skribi. . ,

— Nek naĝi. . . — aldonas la vidvino.



Sen vortoj



Viktimo de la profesio

## Soveta humoro

Inter amikinoj:

Hieraŭ vespere unu el niaj gastoj komencis rakonti cinikan historion kaj mi diris al li forlasi mian hejmon. . .

— Tre bone vi faris! —

Jes, sed kune kun li foriris ankaŭ la ceteraj gastoj por aŭdi la finon de la historio. . .

*

— Mi rimarkas, Sidorov, ke vi venas al laboro la lasta kaj la unua vi forlasas la laboron.

— Malagrable estas al mi maniuji kiel matene, tiel ankaŭ posttagmeze.

---

*La karikaturoj estas pentritaj de la ĵurnalista karikaturisto Jordan Popov.*

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidantoj — Niilo Kavenius, Taskulantie, I, HI39, Turku 9, Finnlando; N. F. Danovskij, Centralnij telegraf. Do vostrebovania., Moskva k-9, USSR.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Jurnalisto" — Ivan Keremidĉiev—Esperov, bul. „Hristo Botev" 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Estraranoj: s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Marsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspicnski, Anielewibza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

— La konferenco de la komunistaj kaj laboristaj partioj — dokumentoj kaj materialoj de la konferenco, okazinta en Moskvo, la 5—17-an de junio 1969. Eldono de: Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskvo, 1969, USSR. Paĝoj 60, ofsete eldonita broŝuro.

— Lernolibro de Esperanto — de Ivan Zahariev, redaktoro Kunĉo Vâlev. Kolori-ilustrita nova lernolibro 84-paĝa. Eldono de Bulgara Esperantista Kooperativo, Sofio, Bulgario, 2969.

## Solenaĵo pri J. A. Komenský

La Muzeo de J. A. Komenský (Comenius) en urbo Přerov, Ĉenoslovakio, kune kun la Ĉeĥa Esperanto Asocio kaj Sekcio de instruistoj de ĈEA, aranĝos en urbo Přerov, ek de 25-a ĝis 30-a de julio 1970 antaŭ la 55-a UK de Esperanto en Vieno

Internacian Konferencon pri J. A. Komenský, omaĝe al 300-jara mortdatreveno de eminenta tutmonda pedagogo kaj pensulo.

La programo de la Internacia Konferenco en Přerov estas interesa: kelkaj prelegoj pri la pensulo, ekskursoj k. a.

Interesuloj bonvolu skribi pri invitilo kaj pri informoj al la jena adreso: Muzeum J. A. Komenskho, PhDr. Gustav Vožda, Horni nßam. č. 1., Přerov, Ĉeĥoslovakio.

### NIA POŜTO

*— D-ro Márton Lajos, Budapest, Hungario. — Dankon pro la bonkoraj salutoj. Ni korektos la adreson. Via gastado en Bulgario dum la somero estas gratulinda. Pri revuo „Internacia Jura Revuo" — ni regule ricevas ĝin. Kiam aperis la 1-a n-ro de „IJK", nia organo „Int. Ĵ-sto" donis informon kaj recenzon pri ĝi. En nia rubriko „Ricevitaj Esperantaĵoj" ni mencias nur la noveaperintajn esperantaĵojn — gazetoj, libroj ktp. En la redakcion de „I.Ĵ." alvenas dekoj da E-gazetoj kaj revuoj. Lokon kaj eblecon ni ne havas por mencii aparte pri ĉiu ricevita nova n-ro. Tion ni faras aparte, kiam en la ricevita nova n-ro de gazeto kaj revuo ni trovas materialojn interesajn por pli vastaj rondoj de esperantistoj.*

*— B. Egon Breitenbach, Porto Alegre, Brazilo. — Ni atendas informon de vi pri tio: ĉu vi regule ricevas „I. Ĵ-ston". ĉu vi utiligas niajn materialojn kaj kiajn rezultojn donas via aktivado?*

*— Wlad. Luczynski, Opole, Pollando. — Pri la amikaj salutoj — dankon. Ni atendas ankaŭ viajn kontribuaĵojn.*

*La redakcio de „I.Ĵ." atendas kontribuaĵojn ankaŭ de aliaj membroj de TEĴA kaj precipe de estraranoj kaj reprezentantoj de nia asocio.*

**Redaktoro: IVAN KEREMIDĈIEV-ESPEROV, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**

Helpredaktoro: MINKO CONCOVSKI